3 Novembre 1907. | 3ª Novembro 1907. 71ª NUMERO. 6ª JARO, 4ª numero. | 3ⁿ November 1907




OFICIALA ORGANO DE LA « BELGA LIGO ESPERANTISTA » KAJ DE LA BELGAJ LIGAJ GRUPOJ.

Aliĝinta al la profesia Unuiĝo de la Perioda Belga Gazetaro

**Organe officiel de la « Ligue Espérantiste Belge » et des Groupes Belges Affiliés.**

Affilié à l'Union professionnelle de la Presse Périodique Belge.

**Officieel orgaan van den « Belgischen Esperantischen Bond » en der Belgische aangesloten groepen.**

Aangesloten bij het Beroepsverbond der periodische Belgische drukpers

DIREKCIO : Redakcio kaj Administracio,

53, rue de Ten Bosch, BRUXELLES.

ENHAVO.



Presisto-eldonisto A.-J. WITTERYCK, Nouvelle Promenade, 4, Bruges.

## ABONNEMENTS

| | |
|---|---|
| Au moins un an . . . . . | fr. 6,00 |
| Avec inscription à la Ligue *au moins* | » 7,00 |
| Membre protecteur de la Ligue avec abon. (Statuts p. II) *au moins* | » 10,00 |
| Un numéro . . . . . . . . | » 0,25 |
| 1e et 2e année ) en Belgique ( . | » 5,00 |
| 3e, 4e et 5e » ) *chacune* ( . | » 6,00 |
| Les collections pour l'étranger, par envoi *en plus* | » 1,00 |

## ABONOJ

| | |
|---|---|
| Almenaŭ unu jaro ĉiulande . . | Sm. 2,40 |
| Kun enskribo en la Ligo *almenaŭ* | » 2,80 |
| Protektanta ligano, kun abono *almenaŭ* | » 4,00 |
| Unu numero en Belgujo . . . | » 0,10 |
| 1a kaj 2a jaro) en Belgujo ) . . | « 2,00 |
| 3a, 4a kaj 5a ») *ĉiu* ) . . | » 2,40 |
| ĉiu sendo eksterlande pagas ĉiufoje . . . . . . . . . . | » 0,40 |

## INSCHRIJVINGEN

| | |
|---|---|
| Ten minste 1 jaar . . . . . | fr. 6,00 |
| Met inschrijving in den Bond. *ten minste* | » 7,00 |
| Bond-Beschermer, inbegrepen maandschrift (Standr.. p. II) *ten minste* | » 10,00 |
| Een nummer . . . . . . . | » 0,25 |
| 1e en 2e jaar ) in Belgie ) . . | » 5,00 |
| 3e, 4e en 5e jaar) *ieder* ). . . | » 6,00 |
| Buitenland . . . . . *meer* . | » 1,00 |

**Sin turni al la Direkcio, 53, rue de Ten Bosch,**

**BRUXELLES.**

La abonoj komencas nepre la 1a de Septembro. Se oni abonas poste, oni ricevas la jam aperintajn nojn. Ni akceptas poŝtmarkojn laŭvalore, sed ni pli ŝatas poŝtmandatojn.

L'abonnement commence le 1er Septembre. Si l'on s'abonne après cette date, on reçoit les Nos parus.

Het jaar begint den 1n September.— Indien men inschrijft in den loop des jaars, ontvangt men de vorige nummers.

# ESPERANTISTAJ GAZETOJ.

## JOURNAUX ESPÉRANTISTES. ESPERANTISCHE BLADEN.

| | Nacie | | Internacie | |
|---|---|---|---|---|
| **Antaŭen Esperantistoj** !!! espagnol-esperanto Apartado 927, Lima, (Pérou) . . | S. | 0.60 | Sm. | 1.20 |
| **Brazila Revuo Esperantista**. Redakcio, Rua de Assembléa, 46, Rio de Janeiro . . | Mr. | 2.15 | » | 2.40 |
| **British Esperantist**, anglais-esperanto, 13, Arundel street, London W. C. . . . | Ŝ. | 3.20 | » | 1.60 |
| **Bulgara Esperantisto**, dumonata, Adm. de Bulgara Esperantisto en Sofio (Bulgarie) | L. | 1.50 | » | 0.60 |
| **Ĉasopis Ĉeskych Esperantistŭ**, Organo de Bohemaj Esp., Praha (Autriche) II. 313 | Kr. | 3.60 | » | 1.50 |
| **Esperanta Ligilo**, esp., pour aveugles. M. Cart, 12, Rue Soufflot, Paris . . . | fr. | 3.00 | » | 1.20 |
| **Esperanto**, duonmonata internacia, 8, rue Bovy-Lysberg, Genève . . . | fr. | 3.00 | » | 1.20 |
| **Espero Katolika**, Mr Em. Peltier, Ste Radegonde (Indre et Loire) France 4 fr., hors France | » | 5.00 | » | 2.00 |
| **Espero Pacifista**, Mr Gaston Moch, 26, rue de Chartres, Neuilly-sur-Seine (France) . | » | 5.00 | » | 2.00 |
| **Foto-Revuo Internacia**, français-esperanto, 118bis, rue d'Assas, Paris, . . . . | » | 5.00 | » | 2.00 |
| **Germana Esperantisto**, allemand-esp., MM. Möller & Borel, 95, Prinzenstrasse, Berlin | mk | 3.00 | » | 1.50 |
| **Helpa Lingvo**, Fino G. Monster, Osterbrogade 54 B, Kopenhago . . . . . | kr. | 1.20 | » | 0.66 |
| **Internacia Scienca Revuo**, esperanto, 8, rue Bovy-Lysberg, Genève . . . | fr. | 7.00 | » | 2.75 |
| **Internacia Socia Revuo**, esperanto, 45, rue de Saintonge, Paris IIIa . . . | » | 6.00 | » | 2.40 |
| **Japana Esperantisto**, japonais et esperanto, 3ĉome, Jurakĉo, Kozimacik, Tokio . | y. | 1.15 | » | 1.20 |
| **Juna Esperantisto**, monata gazeto, Presa Esp. Societo, 33, rue Lacépède, Paris. | fr. | 2.50 | » | 1.00 |
| **Laboro**, Sro Paul Blaise, 4, rue Bourg Tibourg, Paris IVe . . . . . . . | » | 3.00 | » | 1.20 |
| **La Revuo**, esperanto, 79, Bd St Germain, Paris . . . . . . . | » | 7.00 | » | 2.80 |
| **L'Espérantiste**, français-esp., Mr de Beaufront, 4, rue du Gril, Louviers, Eure, (France) | » | 4.00 | » | 1.60 |
| **Lingvo Internacia**, mensuel, esperanto, 33, rue Lacépède, Paris, Ve, . . . . | » | 7.50 | » | 3.00 |
| **Lumo**, Bulgara, Ivan Nenkov, Str. Sv. Gorska no 2299, Tirnova (Bulgario) . . | fr. | 5.00 | » | 2.00 |
| **Ruslanda Esperantisto**, russe-esperanto, Bolŝaja Podjaĉeskaja, 24, St Petersbourg. | r. | 2.65 | » | 2.50 |
| **Pola Esperantisto**, esperanto-polonais, 26, Akademicka, Leopolo, (Autriche) . | k. | 2.40 | » | 1.00 |
| **Svisa Espero**, esperanto, Mr Renard, 6, rue du Vieux Collège, Genève (Suisse) . | » | 2.50 | » | 1.00 |
| **Suno Hispana**, espagnol-esp., M. Jimenez Loira, Avellanas, 11, presejo, Valencia (Espagne) | p. | 3.00 | » | 1.20 |
| **Tra la Mondo**, illustré, esp., 15, Boulevard des Deux Gares, Meudon S. O. (France) | fr. | 8.00 | » | 3.20 |
| **The American Esperanto Journal**, Boulevard Station, Boston, Mass. . . . . | d. | 1.00 | » | 2.00 |

3 Novembre 1907. | 3a Novembro 1907. 71a NUMERO. 6a JARO, 4a numero. | 3n November 1907.




Oficiala Organo de la « Belga Ligo Esperantista » kaj de la Belgaj Ligaj Grupoj.

Organe officiel de la « Ligue Espérantiste Belge » et des Groupes Belges affiliés.

Officieel orgaan van den « Belgischen Esperantischen Bond » en der Belgische aangesloten Groepen.

## Les Nouvelles Langues internationales

**suite à l'Histoire de la la langue universelle**

par L. Couturat et L. Leau.

Monsieur Couturat, docteur ès-lettres et Leau, docteur ès-sciences, sont, on le sait, les promoteurs de la constitution de la « Délégation pour le choix d'une langue auxiliaire internationale ». C'est à leur tenacité qu'on doit l'aboutissement prochain d'un effort international jusqu'ici peu en lumière, mais dont les résultats seront incalculables dans tous les ordres d'idées.

Messieurs Couturat et Leau, nommés secrétaires de la « Délégation », ont publié un travail unique, bien connu de ceux qui s'occupent du problème des langues artificielles.

Ce travail intitulé « Histoire de la langue universelle » reçoit aujourd'hui son complément sous forme d'un volume de 112 pages, intitulé « Les Nouvelles Langues internationales ».

Ce livre ne se trouve pas en librairie. Il est en vente chez M. Couturat, 7, rue Pierre Nicole, Paris (Ve), au prix de 2 fr. 50. Si l'on veut que l'envoi soit recommandé ajoutez 25 centimes pour tout autre pays que la France.

Nous engageons vivement les lecteurs de La Belga Sonorilo à se procurer « Les Nouvelles Langues internationales ». Ce n'est qu'en se documentant suffisamment par de tels ouvrages qu'ils comprendront la grande valeur du rôle de la

## La Novaj internaciaj Lingvoj

**daŭrigo de la Historio de la universala lingvo**

de L. Couturat kaj L. Leau.

Sinjoro Couturat, doktoro de literaturo, kaj Leau, doktoro de sciencoj, estas, tion oni scias, la iniciatoroj de l' starigo de la « Delegacio por elekto de internacia helpanta lingvo ». Dank' al ilia persisteco, oni povas antaŭvidi la proksiman elfinon de internacia klopodo, ĝis nun malmulte disvastigita, sed de kiu la rezultatoj estos nekalkuleblaj en ĉiuj ideaj fakoj.

Sinjoroj Couturat kaj Leau, elektitaj kiel sekretarioj de la « Delegacio » eldonis unikan verkon, bonekonatan de tiuj, kiuj esploras la problemon pri artefaritaj lingvoj.

Tiu verko, titolita « Historio de la universala lingvo » en franca lingvo, ricevas hodiaŭ aldonon, nome volumon da 112 paĝoj, titolitan « La novaj internaciaj lingvoj.

Tiu libro ne estas aĉetebla ĉe la librovendistoj. Ĝi estas ricevebla de Sro Couturat, 7, strato Pierre Nicole, Paris (Ve) je l' prezo de fr. 2.50 (unu spesmilo). Se oni deziras ke la sendo estu rekomendita, aldonu 25 centimojn (unu spescenton) por ĉiuj landoj krom Francujo.

Ni multe admonas la legantojn de La Belga Sonorilo por ke ili akiru « La novaj internaciaj lingvoj ». Nur ili komprenos la ĉefan valoron de l' rolo de la Delegacio, kiam ili akiros scion de dokumentoj dank' al tiaj verkoj. Tiuj, kiuj deziras la

Délégation. Ceux qui veulent la victoire pour la grande idée de la langue auxiliaire internationale ne doivent pas demeurer sur l'horizon borné de l'Esperanto, si agréable et si intéressant soit-il.

Il doivent savoir ce que sont d'autres solutions du problème, par exemple l'Idiom neutral, le Mundolino, l'Universal, le Latine sine flexione, le Novilatin, etc., etc.

Le comité nommé par la Délégation travaille en ce moment d'arrache-pied à l'examen de ces diverses solutions du grand problème.

Et, comme nous l'avons déjà fait prévoir, c'est l'Esperanto qui tient la corde, mais avec propositions de « mise au point » grâce aux expériences faites surtout en ces dix dernières années.

Les principes espérantistes dominent le choix définitif auquel marche le comité de la Délégation; ce comité procède à l'application logique et au développement de ces principes; il écarte certaines créations hâtives de vocabulaires Esperanto qui menaçaient d'enliser la langue internationale dans le maquis des fantaisies et des absurdités de l'usage et de l'évolution naturelle; par l'élimination des lettres accentuées, l'invariabilité de l'adjectif, l'emploi facultatif de l'accusatif, l'application stricte des règles de la dérivation, enfin l'adoption de quelques nouveaux affixes internationaux, la Délégation pourra présenter au monde une langue auxiliaire ralliant non seulement les Espérantistes, mais les partisans du Neutral, du Novilatin, du Latine sine flexione, etc., etc.

Cet admirable aboutissement est incontestablement dû au travail courageux, et qui fut parfois ingrat, des Espérantistes; grâce à eux, à leurs journaux, à leurs nombreux ouvrages, à leurs trois étonnants congrès, la *preuve expérimentale* fut faite; aucune objection ne tint plus malgré l'acharnement de quelques esprits aveuglés soit par le parti pris, soit par l'incompétence, soit par l'intérêt personnel.

Le mot « Esperanto » est lié au problème de la langue auxiliaire internationale; aussi ne saurait-on s'étonner d'apprendre que, des travaux actuels du comité de la Délégation pour le choix de cette langue auxiliaire, sortira comme solution définitive « l'Esperanto mis au point », quel que soit le nom que le comité adopte pour cette solution définitive.

B. S.

venkon por la grava ideo de la internacia helpanta lingvo, ne devas restadi sur la limigita horizonto de Esperanto, tiel agrabla kaj interesa, kiel ĝi estas.

Ili devas scii tion, kio estas aliaj solvoj de la problemo, ekzemple Idiom Neutral, Mundolinco, Universal, Latine sine flexione, Novilatin, k. c., k. c.

La komitato elektita de la Delegacio laboras nune kaj senhalte, por ekzameni tiujn solvojn de la grava problemo.

Nu, tiel ni jam ekvidigis tion, Esperanto estas je la unua vico, sed kun proponoj de « tutperfektigo » dank' al la eksperimentoj faritaj precipe dum la dek ĵus pasintaj jaroj.

La esperantaj principoj regas la definitivan elekton, al kiu sin direktas la komitato de la Delegacio; tiu komitato aplikadas logike kaj plivastigas tiujn principojn; ĝi flanke forigas iajn trofruajn kreojn de vortaroj pri Esperanto, kiuj minacis la internacian lingvon kaj internigus ĝin en la marĉo enhavanta la fantaziaĵojn kaj absurdaĵojn de l' naturaj uzado kaj evolucio; per forigo de la supersignitaj literoj, per la nevarieco de l' adjektivo, per la laŭvola uzo de l' akuzativo, per severa aplikado de la reguloj pri devenigado, fine per alpreno de kelkaj novaj internaciaj afiksoj, la Delegacio povos prezenti al la mondo helpantan lingvon, varbontan ne sole la Esperantistojn, sed la partianoj de Neutral, de Novilatin, de Latine sine flexione, k. c., k. c.

Tiu mirinda finiĝo estas tutkonsente rezultato de la kuraĝa laboro, iafoje neŝatita, de la Esperantistoj; dank' al ili, al iliaj ĵurnaloj, al iliaj multaj verkoj, al iliaj tri mirindaj kongresoj, la *eksperimenta pruvo* estas plena; nenia kontraŭaĵo ankoraŭ ekzistas, malgraŭ la furioza agado de kelkaj samideanoj, kvazaŭ blindigitaj ĉu per propra obstineco, ĉu pro nekompetenteco, ĉu por persona profito.

La vorto « Esperanto » estas ligita al la problemo de la internacia helpanta lingvo; sekve oni ne povus miri, kiam oni sciiĝos ke la nunaj laboroj de l' komitato de la Delegacio por elekto de tiu helpanta lingvo, naskos tiel definitivan solvon, « Esperanto tutperfektigita », kiu ajn estos la nomo, kiun la komitato elektus por tiu definitiva solvo.

B. S.

## TRA LA MONDO ESPERANTISTA

### KELKLINIAJ NOVAĴOJ.

La Komitato de la Delegacio kunvenis preskaŭ ĉiutage en Parizo. La laboroj de la Komitato estas nun privataj, sed la protokolo de la decidoj estos publikigita pli malfrue.

La Nov-Zelanda registaro starigis oficialan oficejon por landaj informoj; la oficistoj parolas Esperanto. Oni povas sin turni al *Government Tourist Office*, Christchurch, New-Zealand.

La bohemaj esperantistoj fondis definitive la Ligon dekiu nomo estas: Bohema Unio Esperantista. La unio organizas ĉiujn klopodojn por la propagando kaj ĉefe ekspozicion. La adreso estas: Tyrŝova ul 11, Praha II (Prague) Bohême.

Bela festo esperantista estis organizita en Frankfurt, okaze de la vizito de D[ro] Zamenhof. Ankaŭ en banurbo Naŭheim, kie D[ro] Zamenhof ripozis post la Kongreso, oni organizis vesperan koncerton.

Bulgaro Esperantista Kongreso okazis en urbo Tirnovo dum la Aŭgusta monato. Oni fondis la Bulgaran Esperantistan Ligon kaj elektis la bulgaran ĵurnalon « Lumo » kiel oficialan organon de la Ligo.

La Packongreso, konvokita en München (Germanlando) deziris ke la Berna Oficejo sciigu al la diversaj registaroj la deziron de l' kongreso pri instruado de la lingvo Esperanto en la lernejoj.

Post diskuto oni ankoraŭ akceptis proponon de S[ro] Lafontaine, belga delegito, pri uzo de Esperanto dum la kunsidoj de la Kongreso.

Oni anoncas baldaŭan aperon de nova ĵurnalo dekiu la nomo estos: Nova Esperanta gazeto, organo de la Unuiĝo de la Libramantoj.

Dum sia ĉeesto en Londono, D[ro] Zamenhof ricevis honoron de oficiala akcepto de l' Subministro de l' Interno. Multaj anglaj deputatoj alestis al la prezento, kiu okazis sur la teraso de la Parlementejo Westminster.

Oni povas akiri la fotografaĵojn de la Kongreso ĉe Stearn, 72, Bridge Street, Cambridge.
Ĝenerala grupo (1 kaj 2) grupo de la eminentuloj (3. 4) Lingva Komitato, Ruĝa kruco, Blinduloj, k. t. p. La granda amplekso 4 ŝ. (2 sm.) kaj la malgranda 2 ŝ. (1 Sm.).

Niaj germanaj samideanoj elektis urbon Dresden por la kvara kongreso dum la jaro 1908[a].

La ĵurnalo « The British Esperantist » publikigas la Financan raporton de la Tria Kongreso. La enspezoj estis 982 sterlingaj moneroj, 4 ŝilingoj 7 pencoj, estas diri 24555, 75 fr. aŭ 9822,29 spesmiloj. La elspezoj estis 681 st. 15.7.; kaj la profito, ĉirkaŭ 300 st. aŭ 7500 frankoj, 3000 spesmiloj ; oni donacis po 1000 spesm. al la Centra oficejo, al la Brita Esperantista Asocio kaj al la starigota Kongresa Kason.
Tre bela rezultato, pri kiu ni gratulas la organizantojn.
Ankoraŭ ni deziras saman rezultaton por la estontaj kongresoj !

Mozano.

# KRONIKO DE LA GRUPOJ.

**Antwerpen.** — *Antverpena Grupo Esperantista.* — Op Zaterdag 12[n] October had de jaarlijksche algemeene vergadering der A. G. E. plaats. De dagorde was zeer belangrijk en een groot getal leden waren tegenwoordig. De heer D[r] Ern. Leclercq, secretaris, las het jaarlijksch verslag over de handelingen der groep voor; dit werk is een echt historisch document voor den kring, het werd met de levendigste belangstelling aanhoord en erlangde grooten, welverdienden bijval.
Daarna gaf de heer A. Cassiers, penningmeester, lezing van het verslag over de ontvangsten en uitgaven. Uit deze lezing blijkt, dat de toestand der kas zeer bevredigend is, dank vooral aan het hulpgeld van 300 frank, door het Gemeentebestuur verleend.

— In het nummer van 15[n] September meldde de B.S. het huwelijk van den waardigen en beminden voorzitter der A. G. E., D[r] Raymond Van Melckebeke met Mej. Reine de Sloovere. De leden der groep hebben de algemeene vergadering benuttigd om aan de achtbare jonggehuwden hunne gevoelens van eerbied en genegenheid uit te drukken. De heer ondervoorzitter O. Van Schoor herinnerde, in aller naam, de menigvuldige diensten door den heer Van Melckebeke aan de groep bewezen en bracht hem en zijne bevallige echtgenoote de hartelijkste gelukwenschen der Antwerpsche esperantisten over. Hij overhandigde hun, namens de vrienden, een zilveren middentafelstuk (jardinière) en daarenboven een prachtige bloemgarve aan de beminnelijke jonge dame.
De heer Van Melckebeke, zichtbaar ontroerd, drukte aan de leden der A. G. E. zijn innigsten dank uit en verzekerde hun van harte de voortduring zijner verkleefde medewerking.
Lang zullen de talrijke aanwezigen deze hartelijke vriendenbetooging herdenken !

— De heeren kolonel Vermeulen en Van der Biest-Andelhof werden herkozen als afgevaardigden bij het komiteit van den Belgischen Esperantischen Bond.

**Antverpeno.** — *Antverpena Grupo Esperantista.* — Je Sabato, 12[a] de Oktobro okazis la jara ĝenerala kunveno de la A. G. E. La tagordo estis tre interesa kaj multe da grupanoj ĉeestis. S[ro] D[ro] Ern. Leclercq, sekretario, legis la jaran raporton pri la agadoj de la grupo ; tiu ĉi verko, vere historia dokumento por la societo, estis aŭskultata kun la plej viva intereso kaj ricevis grandan, meritítan sukceson.

Poste S[ro] A. Cassiers, kasisto, raportis pri la enspezoj kaj la elspezoj. El tiu ĉi raporto aperas ke la situacio de la kaso estas tre kontentiga, precipe dank' al la helpmono de 300 frankoj, donita de la urbestraro.

— En la numero de la 15[a] de Septembro la B. S. anoncis la edziĝon de la inda kaj amata prezidanto de la A. G. E., S[ro] D[ro] Raymond Van Melckebeke kun Fraŭlino Reine de Sloovere. La membroj de la grupo utiligis la ĝeneralan kunvenon por esprimi al la estimataj junaj geedzoj sian respektplenan simpation. La vicprezidanto, S[ro] O. Van Schoor, rememoris la multnombrajn servojn faritajn de S[ro] Van Melckebeke al la grupo kaj prezentis al li, je l' nomo de la amikoj, kaj lia ĉarma edzino arĝentan florujon, kaj donacis plie S[inon] Van Melckebeke per belega florgarbo.

Sinjoro Van Melckebeke, videble kortuŝata, esprimis sian koran dankon al la grupanoj de la A. G. E., kaj certigis ilin pri la daŭrigo de sia sindona kunlaboro.
La multnombraj ĉeestantoj longtempe memoros tiun ĉi koran amikan elmontron !

— S[roj] Kolonelo Vermeulen kaj Van der Biest-Andelhof estas elektitaj kiel delegatoj ĉe la komitato de la Belga Ligo Esperantista.

— Mevr. Broymans-de Schutter en de heer Van der Biest hebben zich op nieuw met de inrichting van leergangen willen gelasten. De leergang voor damen zal aanvangen Vrijdag 8n November, om 5 u. namiddag, en wordt gegeven in de middelbare meisjesschool, Eikenstraat; die voor heeren op Zaterdag 9n November om 9n 's avonds in het lokaal der groep. Taverne royale, Groenplaats.

*La Verda Stelo.* — Deze werkzame groep ontving dezer dagen het verblijdend bericht, dat haar op de stedelijke begrooting eene jaarlijksche toelage van 200 frank werd verleend.

Eere en dank aan de Antwerpsche stedelijke overheid. Moge haar lofwaardig voorbeeld door alle openbare besturen des lands gevolgd worden!

**Berchem'a Grupo Esperantista.** — Deze groep heeft gedurende de maand October twee voordrachten ingericht. De eerste, in Fransche taal, door den heer Dr Ern. Leclercq, had plaats op 10n October; de tweede, meer bepaaldelijk voor de Berchemsche leden van het Rood Kruis werd gehouden op 14n door een heer Van der Biest-Andelhof. Voor deze laatste voordracht had het Berchemsch gemeentebestuur welwillend het Raadhuis ter beschikking der Esperantisten gesteld. Beide sprekers behaalden grooten bijval, en meer dan 80 nieuwe leden zijn de B. G. E. bijgetreden.

De heer Dr Moorkens, waarnemend Burgemeester, heeft zich als eerelid laten inschrijven.

**Bruxelles.** — La conférence de M. l'abbé Richardson annoncée dans notre dernier numéro a eu lieu mercredi, 16 octobre, au local du *Pioniro*. Devant un nombreux auditoire où l'on remarquait notamment un groupe d'aveugles de la section de Woluwe conduits par leur Directeur, Frère Isidore, notre vénérable ami fit le récit des évènements si intéressants dont il fut le témoin pendant son voyage de vacances en Angleterre. L'orateur ne fit pas grande allusion au congrès même, auquel il prit cependant une part remarquable, il constata avec le plus grand plaisir l'accueil enthousiaste fait aux congressistes belges en général et spécialement à notre délégué officiel, il regretta avec tous les participants l' absence du président de la Ligue Belge dont le nom jouit d'une si grande autorité dans le monde espérantiste. Après des entrevues avec un grand nombre d'espérantistes en renom et notamment avec le Docteur Mayor, l'éminent vieillard de 85 ans, professeur et président du St Johns College, M. l'abbé Richardson s'en fut à Londres où il visita entr'autres curiosités espérantistes, le Bureau central de l' Association Britannique. C'est avec joie qu'il reconnut notre Belga Sonorilo dans la salle de lecture du Bureau, où il se mêlait à une foule de journaux espérantistes.

Mais notre vaillant ami ne connait pas le repos. Dans un but de propagande, il se rendit à l'île de Wight, où il fit connaître notre chère langue. Il fut dans ce pays le premier semeur et, après des efforts multiples, des conférences à Ventnor et à Shanklin, il réussit à faire pousser le bon grain. Dès maintenant il existe à Shanklin, sous la présidence de M. le capitaine von Herbert, un groupe qui compte déjà 31 membres. A ce groupe dont la naissance est due

— Sino Broymans-de Schutter kaj Sro Van der Biest denove akceptis la organizadon de kursoj; la kurso por virinoj komencos Vendredon, la 8an de Novembro je la 5a ptm., en la duagrada lernejo por fraŭlinoj, Rue du Chêne; tiu por sinjoroj Sabaton la 9 n de Novembro je la 9a vespere, en la sidejo de la grupo, Taverne royale, Place Verte.

*La Verda Stelo.* — Tiu ĉi agema grupo ricevis antaŭ nelonge la ĝojigan informon, ke jara helpmono de 200 frankoj estas rizervita al ĝi sur la urba budĝedo.

Honoron kaj dankon al la Antverpena urbestraro! Ĝia laŭdinda ekzemplo estu sekvata de ĉiuj publikaj administracioj de la lando!

**Berchem'a Grupo Esperantista.** — Tiu ĉi grupo organizis du paroladojn dum la monato de Oktobro. La unua, Franclingve, de Sro Dro Em. Leclercq okazis Sabaton, la 10 n de Oktobro; la dua, speciale organizita por la Berchem'aj anoj de la RuĝaKruco, estis elparolita Lundon la 14a de de Sro Van der Biest-Andelhof. Por tiu lasta parolado la Berchem'a urbestraro bonvole permesis al la esperantistoj uzi la urbestrarejon. Ambaŭ parolintoj ricevis grandan sukceson, kaj pli ol 80 novaj adeptoj aliĝis al la Berchem'a grupo.

Sro Dro Moorkens, f.f. urbestro, enskribiĝis kiel honora membro.

**Bruselo.** — La parolado de Sro Abato Richardson anoncita en nia lasta numero okazis merkredon, 16an de Oktobro, en la sidejo de *La Pioniro*. Antaŭ multnombra aŭdantaro, kie oni precipe rimarkis areton de la Woluw'a Grupo de blinduloj, alkondukitan de sia Direktoro, Frato Izidoro, nia altestimata amiko raportis pri la tre interesaj okazintaĵoj de sia libertempa vojaĝo en Anglujo. La parolanto ne aludis multe la kongreson mem, en kiu li tamen ludis rimarkindan rolon; li konstatis kun plej granda plezuro la entuziasman akcepton faritan al la belgaj partoprenantoj ĝenerale, kaj speciale al nia oficiala delegito, kaj bedaŭris kun ĉiuj kongresanoj la foreston de la Prezidanto de la Belga Ligo Esperantista, kies nomo estas tiel ŝatata de la tuta esperantistaro. Post intervidiĝo kun tiom multe da famaj esperantistoj kaj kun l' eminenta Dro Mayor, la 85-jara profesoro kaj prezidanto de la St Johns College, Sro Abato Richardson veturis Londonon, kie li vizitis inter aliaj esperantaj vidindaĵoj, la Centran Oficejon de la Brita Asocio. Li vidis kun ĝojo nian Belgan Sonorilon en la legoĉambro de la Oficejo, kie ĝi intermiksiĝis kun arego da esperantaj ĵurnaloj.

Sed nia agema amiko tute ne deziris ripozi. En celo de propagando li vojaĝis al insulo Wight, kie li konigis nian karan lingvon. En tiu regiono li estis la unua semanto, kaj post senlacaj klopodoj, paroladoj en Ventnor kaj Shanklin, li sukcesis ĝermigi la bonan semon. De nun ekzistas en Shanklin, sub prezido de kapitano von Herbert, grupo kiu kalkulas jam 31 membrojn. Al tiu kara kvazaŭido de nia bonega grupano, *La Pioniro*

aux efforts de notre excellent ami, *le Pioniro* sur la proposition de son Président, adressa par lettre ses félicitations et ses souhaits de bonheur. Pour finir cet intéressant récit, le toujours jeune et ardent propagandiste ajouta quelques remarques sur l'immuabilité de la langue, accompagnées de bons mots joyeux et humoristiques. Inutile de dire que cette charmante causerie recueillit un grand et légitime succès.

M. Blanjean, au nom de tous, adressa ses félicitations et ses remercîments les plus cordiaux.

La réunion se termina par une partie de concert à laquelle prirent part nos chers amis de Woluwe et deux de nos plus talentueux sociétaires : Melle Staes et M. Giminne.

***

Nos lecteurs apprendront avec plaisir le succès du cours donné par M. Blanjean à l'Université. L'auditoire compte plus de 140 élèves.

**Laeken.** — La Semanto organise un nouveau cours d'Esperanto qui aura lieu chaque vendredi, à huit heures du soir, au local, Chaussée d'Anvers, 431. L'ouverture de ce cours aura lieu le 8 Novembre.

Le sympathique professeur Monsieur L. Blanjean fera, ce jour, une conférence sur l'Esperanto et le Congrès de Cambridge.

**Melle.** — Depuis le 25 avril, on a organisé une section d'Esperanto au Cercle linguistique de la Maison de Melle.

Des cours d'Esperanto sont au programme de l'Ecole supérieure de Commerce de cet établissement.

Plusieurs conférences sont annoncées pour le mois prochain. M. le Commandant Ch. Lemaire conférenciera à Charleroi, pour l'Association des élèves et anciens élèves de l'Ecole industrielle provinciale Supérieure, le lundi 11 novembre.

M. le lieutenant M. Cardinal a donné une conférence le 31 octobre à St. Gilles lez Bruxelles et pendant le mois de novembre, il parlera à Anderlecht, Frameries et Marcinelle.

sendis tuj, laŭ propono de sia Prezidanto, gratulan kaj bondeziran leteron. Por fini sian tiel interesan raporton, la ĉiam juna kaj vigla propagandisto aldonis kelkajn rimarkojn pri la neŝanĝebleco de la lingvo, akompanatajn de spritaj kaj gajaj humoraĵoj. Ne bezone estas diri ke tiu ĉarma parolado rikoltis plej grandan kaj varman sukceson.

Sro Blanjean, je la nomo de ĉiuj, dankis kaj gratulis plej kore la parolinton.

La kunveno finiĝis per koncerteto al kiu partoprenis niaj karaj amikoj el Woluwe kaj du el niaj talentplenaj grupanoj : Fino Staes kaj Sro Giminne.

***

Ni plezure sciigas nian legantaron ke la kurso farata de Sro Blanjean ĉe la Universitato estas sukcesplena. La aŭdantaro kalkulas pli ol 140 lernantoj. APRIDO.

**Laeken.** — La Semanto organizas novan kurson de Esperanto kiu okazos ĉiuvendrede vespere, je la oka horo, en la loko, Chaussée d'Anvers, 431. La malfermo de tiu kurso okazos je la 8a Novembro.

La estimata profesoro Sinjoro L. Blanjean faros, je tiu tago, paroladon pri Esperanto kaj Kongreso de Kembriĝo.

**Mell.** — De la 25a de aprilo, oni organizis Esperantan sekcion ĉe la Poliglota Klubo de la Edukejo de Melle.

Kursoj de Esperanto estas en la programo de la Supera Komerca Lernejo de la Edukejo.

Multaj paroladoj estas anoncitaj dum la proksima monato.

Sro Komandanto Ch. Lemaire parolados en Charleroi (Ŝarlrŭa) ĉe la Asocio de la lernantoj kaj pralernantoj de la supera Industria Provinca Lernejo, dum la lundo, 11a de novembro.

Sro leŭtenanto M. Cardinal paroladis je la 31a oktobro en St. Gilles apud Bruselo kaj dum la novembra monato, li parolos en Anderlecht, Frameries kaj Marcinelle.

---

**Antverpena Centra Esperantista Komitato.**

—

Delegitoj:

De la « *Antverpena Grupo Esperantista* » : Sroj Oscar Van Schoor, farmaciisto, Léon Champy, inĝeniero kaj A. Van der Biest-Andelhof, vic-prezidanto de la Belga Ligo Esperantista.

De « *La Verda Stelo* » Sroj Frans Schoofs kaj J. B Istace, komerciaj oficistoj, kaj Sro H. Le Beck, industriisto.

De la « *Berchema Grupo Esperantista* » Sro Havermans, profesoro kaj la doktoroj Brandligt kaj W. Broeckaert.

*Prezidanto :* A. Van der Biest-Andelhof.
*Sekretario :* Fr. Schoofs.
Adreso de la Sekretariejo : 49, rue de la Petite Ourse, Anvers.

—

**Esperantista Societo.**

Sidejo : rue Xhavée, 9, Verviers.

*Prezidanto :* Sro Edouard Mathieu.
*Sekretario :* Sro Harold E. Palmer.

Sekcio de la Kontraŭalkohola Societo, rue du Collège. Verviers.
*Sekciestro :* Sro Dedye.

Sekcio de Ensival, ĉe la komunuma lernejo.
*Sekciestro :* Sro Ernest Lange.

Sekcio de Dison, ĉe la komunuma lernejo, place du Sablon.
*Sekciestro :* Sro Jacques Delrez.

**Cercle d'études de langues.**

ESPERANTA GRUPO, SPA.

*Prezidanto :* Sro Decq, inĝeniero-direktoro de la Banejo.
*Sekretario :* Sro A. Grosjean.

## Cercle linguistique de la Maison de Melle lez-Gand.

Esperanta Sekcio.

*Direktoro :* Sro Pro Antonin C. Wicart.
*Prezidanto :* Sro Paul Motte.
*Vicprezidanto :* Sro François Dart.
*Sekretario :* Sro Paul Jansens.
*Kasisto :* Sro Fernand Desmedt.

## La Verda Stelo.

Sekretariejo : 49, rue de la Petite Ourse, Anvers.

*Prezidanto :* Sro Frans Schoofs.
*Sekretarioj :* Sro Jean B. Istace.
Fino Irma Verbeeck.
*Kasisto :* Sro H. Le Beck.

## Ilustrita Revuo TRA LA MONDO.

*Oktobro.*

Ĝenerala plano kaj enhavo.

**Nuntempajoj :** Mónata kroniko, de *E. Montrosier* (Francujo).
**Teatro :** Kaprico, de *Alfred de Musset*, tradukita de *Johanino Flourens.*
**Ĉiulanda literaturo :** La mireginda tekruĉo, Japana fabelo, laŭ la angla traduko esperantigita de Dro *Gambier* (Francujo).
**Tra la Mondo :** Napolo, de Grafo *A. Gallois* (Italujo).
**Virina paĝo :** La Modo, de *Roksano.*
**Sportoj :** Kroniko, de *L. de Guesnet* (Francujo).
**Komerco kaj industrio :** La Rochelle, de *Sam Meyer.*
**Infano paĝo :** Fizikaj amuzaĵoj de *Amatus* (Flandro).
**Pri Esperanto :** La Kembriĝa kongreso (Fino), de *A. Montrosier, Th. Rousseau, Steleto.*
Bibliografio, Kroniko.
**Muziko :** L'Espero, muziko de Sro *A.-J. Willeryck* (Belgujo).

# NIA KOLEKTO DE SENSENCAĴOJ.

Un certain comte Serge Fleury, dans le journal français « *L'Entente Cordiale* » a écrit quelques « Simples réflexions » parmi lesquelles nous recueillons une perle pour nos lecteurs curieux.

On constatera que le comte connait fort bien la question :

« Quel avantage y aurait-il à parler une langue,
« que dis-je une mixture, dont personne ne peut se
« vanter d'avoir le « right » accent. Imaginez « for
« fun » un Français du Sud, un Belge des Flandres,
« et un Suisse-Allemand conversant ensemble ;
« mais, il ne leur faudra pas un quart d'heure pour
« en venir aux mains.

« En tant que langue écrite l'Esperanto n'existe
« pas et ne saurait exister. La meilleure preuve en
« est qu'elle n'a donné lieu à aucun effort person-
« nel. »

Il va de soi que si le comte était venu à Cambridge, nous lui aurions montré notre petit effort personnel.

Ia grafo Serge Fleury, en la franca ĵurnalo « *L'Entente Cordiale* » (La tutkora interkonsento) verkis kelkajn simplajn pripensojn, el kiuj ni ĉerpas perlon por niaj scivolemaj geleganotoj.

Oni konstatos ke la grafo tre bone konas la demandon :

« Kia profito ekzistus en uzo de lingvo, plibone de
« miksaĵo, pri kiu neniu povas fanfaroni ke li havas
« la « puran » akcenton. Imagu « ŝerceme » unu
« franco de la Sudo, unu belgo el la Flandroj, kaj
« unu germanparolanta Sviso interparolante kune ;
« post unu kvarono da horo, ili mane interbatalos.

« Kiel skribita lingvo, Esperanto ne ekzistas, kaj
« ĝi ne povus ekzisti. La plej bona pruvo de mia
« diro estas ke ĝi naskis nenian personan penon. »

Kompreneble, se la grafo estus alveninta en Kembriĝo, ni estus montrantaj al li nian malgravan personan penon ! Mozano.

## MALFACILAĴOJ.

La esperantistoj ne scias kiom da malfacilaĵoj la ĵurnalistoj renkontas por redakti siajn revuojn ; la korekto de la tekstoj postulas tiom da tempo, kiel la skribo mem. Alia malfacilaĵo, tre grava, estas la uzo de supersignitaj literoj, kiujn oni ne trovas en ĉiuj presejoj. Pri tio ni tie sube reproduktas plendon de nia bona kunfrato « Espero Katolika » :

« *Literoj supersignitaj.* — Ili kaŭzis al ni ankoraŭ multon da malagrablaĵoj kaj estis granda barilo por la fondo de nia Presejo. Ni pensis, dum kelkaj tagoj, ke ni estus devigitaj presi la duonon de tiu numero sen supersignoj. Tamen, post malfruaĵo de *15 tagoj*, tiu numero aperas. Por edifi tiujn, kiuj ne komprenas la malfacilaĵojn kaŭzitajn de la supersignoj, ni nur diros, ke ni pagis 150 fr. por 5 kilogramoj da literoj supersignitaj !...

Ĉu oni povas esperi, ke ĉiuj presistoj faros tiajn oferojn al Esperanto ?... »

———

## Trorapideco.

La plej amata ĉevalo de la Ĥina Imperiestro Tsi estis mortinta pro malzorgo de la ĉevalservisto. La Imperiestro estis tiom furioza, ke li eltiris sian glavon kaj volis tuj mortigi la serviston. Sed lia konsilisto, la klera kaj modera Jen-tse, haltigis la brakon de la Imperiestro kaj diris : Via Moŝto Imperiestra, tiu viro ne estas eble konvinkita tute pri la malbonaĵoj, kiujn li faris. Nu, vi diru tion al li antaŭ ol li mortos ! respondis la Imperiestro.

«Mizerulo ! diris Jen-tse al la genufleksinta, tremanta ĉevalservisto, sentaŭgulo! kion ci faris?! Unue ci lasis morti la ĉevalon, kiun la Estro komisiis al ci ; due ci kolerigis tiom nian Imperiestron, ke Li volis mortigi cin per sia propra mano ; kaj pro ci, antaŭ ĉiuj siaj regatoj, preskaŭ Li malhonoriĝis, mortigante viron por venĝi beston. Jen kion ci faris, sentaŭgulo !

Vi lasu foriri lin ! Mi pardonas lin, diris tiam la Imperiestro. Kaj li dankis sian fidelan konsiliston Jen-tse, kiu tiom ĝustatempe helpis lin kontraŭ trorapideco.

*El Flandra lingvo-tradukis* F. V.

## FORĜISTETO.

Tiu ĉi popola mirrakonto Flandra estas vere karakteriza. Ĝi montras la naivecon de la Flandraj kamparanoj, ilian kredemon al eksterordinaraj rakontoj, aŭ almenaŭ, ilian plezuron pro tiaj rakontoj. Kompreneble, la bonuloj (t. e. : sanktuloj kaj Kristanoj) ĉiam venkas kaj la diablo estas ĉiam punata. La personoj el la rakonto parolas kaj agas same kiel ĉiuj homoj, krom ke ili havas propran potencon, kiu estas limigata nur per la fantazio de la rakontanto. Tiu ĉi ne klopodas por bela stilo. Li uzas la simplan parolturnon de la popolo, kun ĝiaj redirajôj. Li ankaŭ ne zorgas pri la detaloj malfacile klarigeblaj. Tio vere okazis, en tempo pasinta de longe, kaj « La avo de mia patro », aldonas la rakontanto por certigi la verecon de sia diro, « kiam li ankoraŭ estis infano, vidis la forĝejon kie tio estis okazinta. »

I.

Estis iam vilaĝa forĝisto kiu estis nomata : Forĝisteto. Li estis, en antaŭa tempo, tre riĉa. Li havis tiam dekduojn da laboristoj kaj gajnis amasojn da mono. Nun li estis malriĉa : plu da mono, plu da laboro, plu da laboristoj, plu da karbo, plu da fero, plu ion ! Ia tago, rigardante malgaje el la duonmalfermita pordo de la malplenigita forĝejo, li pensis pro nekuraĝo : « Se mi povus refariĝi riĉa !... Mi eĉ vendus mian animon al la diablo ! » Kaj subite la diablo staris antaŭ li.

— « Ĉu vi farus tion, kion vi pensis ? » demandis li.

— « Jes, certe », respondis maltime Forĝisteto.

— « Bone, tio estas akceptata ! Vi donos al mi vian animon, kaj mi donos al vi feron kaj laboron sufiĉe por okupigi dekdu laboristojn, dum dekdu jaroj ».

— « Bone ! » diris Forĝisteto, kaj la diablo subite malaperis.

Tuj alvenis granda veturilo ŝarĝita per fero kaj jungita per kvar nigraj ĉevaloj. La kondukantoj haltigis ĝin antaŭ la forĝejo, kiun rapide kaj mute ili plenigis per fero kaj karbo. Ili forveturis same kiel ili alvenis. Kaj nun Forĝisteto havis ree multe da laboro de ĉiuj flankoj kaj li refariĝis riĉa.

II.

Ia tago, Nia Sinjoro kaj sankta Petro pasis en la vilaĝo, kie loĝis Forĝisteto. La azeno de Kristo devis esti hufigata kaj ili haltis antaŭ la forĝejo. Forĝisteto tuj komencis la laboron, kaj post tre mallonga tempo, la huferajoj estis remetitaj.

— « Kiom mi ŝuldas al vi, forĝisto ? » demandis la Sinjoro.

— « Nenion, mi amas esti utila por la homoj kiuj vojaĝas », respondis Forĝisteto, kiu estis rimarkinta la malriĉan eksterajôn de la fremduloj.

— « Tre bone, vi havas bonan koron. Vi faru tri dezirojn, ili estos plenumataj ».

Tre surprizata, Forĝisteto pripensis.

— « Petu la ĉielon », diris mallaŭte, ĉe lia orelo, sankta Petro.

— « Unue... », diris Forĝisteto, « tiu, kiu sidiĝos sur mia brakŝego, ne povos plu forlasi ĝin, sen mia permeso ».

— « Konsenta ! » diris Nia Sinjoro.

— « Due... ».

— « Petu la ĉielon », rediris sankta Petro ĉe lia orelo.

— « Due... tiu, kiu suprenrampos mian ĉerizarbon, ne povos malsupreniri sen mia permeso ».

— « Konsenta ! » diris Nia Sinjoro.

— « Trie... », diris Forĝisteto montrante sian malplenan monujon, « tiu, kiu estos en tio ĉi, ne povos eliri sen mia permeso ».

— « Konsentata ! » diris Nia Sinjoro, kaj li foriris kun sankta Petro kaj sia azeno.

III.

La dekdu jaroj estis pasintaj. Kaj la diablo venis en la forĝejon : « Forĝisteto, mi venas por forporti kun mi vian animon ! »

— « Atendu iom ! » respondis Forĝisteto, « mi estas tro nigra por foriri kun vi. Mi tuj lavos kaj vestos min iom bele... Ripozu unu momenton en mia brakseĝo ».

— « Tion mi faros volonte ! » kaj la diablo sidiĝis.

— « Nu », tiam diris Forĝisteto por provi la efikon de la promeso de la fremdulo, « mi estas sufiĉe bela, ni foriru ».

Sed la diablo ne povis levi sin. Tiam Forĝisteto alvokis siajn laboristojn. Ili venis, armitaj per feraj tabuletoj kaj bastonoj ruĝigitaj en fajro..., kaj senkompata batado okazis ! Forĝisteto ridis, la buŝo malfermita ĝis la oreloj !

— « Ha ! vi lasu min foriri ! » kriegis la diablo.

— « Se vi donos al mi ankoraŭ dekdu samajn jarojn », diris Forĝisteto.

— « Jes ! jes ! »

Kaj la diablo, liberigita, malaperis tiel rapide, kiel sago.

IV.

La dekdu jaroj estis ree pasintaj, kaj la diablo venis en la forĝejon : « Forĝisteto, mi venas por forporti kun mi vian animon ! »

— « Atendu iom ! » respondis Forĝisteto, « mi estas tro nigra por iri kun vi. Mi tuj iom pretigos min. Ripozu .. »

— « Ne, ne ! » interrompis la diablo, « mi konas vian brakseĝon ! Vidu, mi estas ankoraŭ lama de tio ! »

— « Restu do staranta... aŭ se tio plaĉas al vi, suprenrampu mian ĉerizarbon ; la ĉerizoj sensoifigos vin. »

— « Tion mi akceptas plezure ! » Kaj la diablo suprenrampis la arbon.

« Sed pluvos baldaŭ, ni foriru », diris Forĝisteto.

La diablo ne povis malsupreniri. Tiam Forĝisteto alvokis siajn laboristojn kaj ree okazis senkompata batado. Forĝisteto ridis, la buŝo malfermita ĝis la orelojn.

— « Ha ! vi lasu min malsupreniri ! » kriegis la diablo.

— « Ĉu vi donas ankoraŭ dekdu samajn jarojn al mi ? » demandis Forĝisteto.

— « Jes, jes ! »

Kaj la diablo, liberigita, malaperis tiel rapide, kiel sago.

V.

Dekdu jaroj pasis ankoraŭ, kaj la diablo — Lucifero mem! — venis en la forĝejon: « Forĝisteto, mi venas por forporti kun mi vian animon ! »

— « Atendu do ! Mi estas tiom nigra. Mi lavos min iom. Ripozu... »

— « Ne, ne !... Oni rakontis al mi pri via brakseĝo kaj via ĉerizarbo ! Vi ne trompos min. »

— « Restu do staranta ! »

— « Tion mi faros ! » kaj Lucifero staris.

Baldaŭ Forĝisteto revenis : « Jen mi estas », diris li, « ni foriru ! » kaj ili foriris.

Dum la irado, ili vidis grandan turon.

— « Kiom tio estas granda ! » ekkriis Forĝisteto.

— « Mi povas fari mi pli granda ol tio ? » respondis malhumile Lucifero.

— « Pli granda ol tio ?!... Mi pri tio, kredas nenion ! »

— « Vidu do ! »

Vere, Lucifero fariĝis pli granda ol la turo.

— « Ĉu vi povas malgrandiĝi vin ankaŭ ? » demandis Forĝisteto.

— « Kiel malgranda ol muŝo ! »

— « Tion mi ne kredas !... kaj vi povus eniri tiun malgrandan monujon ?... Mi kredas nenion pri tio ! »

— « Vidu » kaj Lucifero aliformiĝis en muŝon kaj eniris la malgrandan monujon. Forĝisteto tiam tiris rapide la monujajn snurojn kaj reiris la forĝejon. Li alvokis siajn laboristojn Ili venis kaj batis, batis, senkompate batadis, dum Forĝisteto ridis, la buŝo malfermita ĝis la oreloj.

— « Ha ! vi lasu min eliri ! » kriegis Lucifero.

— « Mi permesos tion, sed, estonte vi lasos min trankvila ! »

— « Jes, jes ! certe ! »

Kaj Lucifero, liberigita, forrapidis lamante.

VI.

Forĝisteto mortis, kaj li devis iri en inferon. Li frapis sur la pordon. La diablo, kiu ricevis la du unuajn batadojn, malfermis.

— « Ho ! estas Forĝisteto ! » ekkriis li kun teruro, « ne, ne ! tie ĉi ne estas loko por vi... Mi konas vin tro bone ! » kaj li fermis rapide la pordon.

Forĝisteto elektis tiam la vojon al la ĉielo. Li frapis tie sur la pordo. Sankta Petro malfermis.

— « Ha ! estas Forĝisteto ? »

— « Jes, sankta Petro, kara sankta Petro ! »

— « Vi ne eniros ĉi tien !.. Ĉu vi rememoriĝas ?... Vi ne volas elekti la ĉielon, kiam mi tion al vi konsilis ! » kaj la sanktulo intencis fermi la pordon. Sed Forĝisteto, kiu esiis tre rapida, saltis en la paradizo kaj sidiĝis sur sia antaŭtuko.

— « Ne, ne ! » ekkriis sankta Petro, « vi devas eliri ! »

— « Vi ne povas elirigi min », respondis Forĝisteto, « mi sidas tie ĉi sur mia bieno ! »

Sankta Petro estis senarmigata !

— « Kiom ruzulo ! » diris li ridetante. Kaj Forĝisteto restis en la paradizo, kaj li estas tie ankoraŭ.

F. V.

---

## ALVOKO.

Amiens, la 26a de Aŭgusto 1907.

*Kara Samideano,*

La Esperantistoj de la tuta universo, kiuj havas kiel celon la propagandon de la internaciaj ideoj, ĉiam admiris la verkojn grandvalorajn sciencajn aŭ literaturajn, kiuj disvastiĝis tra la mondo. Tiaj verkoj ne apartenas al unu nacio sed al la tuta homaro.

Inter la scienculoj kaj la artistoj, antaŭuloj de la nunaj elpensaĵoj, unu el la plej konataj estas certe Jules Verne, la fama romanisto de la neordinaraj vojaĝoj kaj aventuroj, kies, infanoj aŭ junuloj, ĉiuj ni tralegis la verkojn. La Amiensa Akademio decidis, post lia morto, ke oni konstruos ĉe la urbo Amiens, kie Jules Verne vivadis dum multaj jaroj, memorigan monumenton, kiu estos finata dum la jaro 1908.

Evidente estas ke ni, tutmondaj geesperantistoj, ne povas malinteresiĝi je tiu ĉi verko, kiu devos glori la faman literaturiston, kiu sciis, pli bone ol neniu, disvastigi la grandajn ideojn tra la mondo. Efektive, li estis unu el la literaturistoj, kiuj preparis precipe la internaciajn interrilatojn kaj instruis nin pri la moroj kaj kutimoj de la tutmondaj popoloj ; li faciligis la noblan celon, por kiu ni ĉiuj laboras per maniero malsama sed definitiva.

Ni esperas do, ke la geesperantistoj de ĉiuj landoj bonvolos kunhelpi nin por la konstruo de la memoriga monumento Jules Verne. Ni estus tre feliĉaj, se la sekretarioj aŭ prezidantoj de la esperantistoj grupoj bonvolus kunigi la monon de la monoferadoj, sendi ĝi al

Doktoro Camille FOURNIER, *24, Rue Jules-Lardière,*
*AMIENS (Somme) Francujo,*

kaj montri tiun ĉi leteron al iliaj grupanoj. Doktoro Fournier ankaŭ ricevos la individuajn monoferadojn.

Bonvolu ricevi la esprimon de mia kora respekto.

Dro Maxime QUERTANT.

---